# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aprilo 2010
n-ro **106**




- ★ **Kroata Esperanto-Ligo finis la tradukprojekton de EU**
- ★ **Romano *Wakajtapu* de Joža Horvat eldonita per Esperanto bengale**
- ★ **Elektita nova prezidanto de KEL – Judita Rey Hudeček**
- ★ **8a kongreso de kroataj esperantistoj en Velika Gorica la 11an kaj 12an de septembro 2010**

# Karaj legantoj!

Tiu ĉi numero de Tempo estas la unua en la 29a jaro de ties aperado. Malmulte mankis ke Tempo en 2010 ne ekzistu: Ministerio pri kulturo, kiu financas ĝin, mesaĝis pri sia maleblo plu finance subteni nian revuon. Plendis al la Ministerio **Antun Kovač**, prezidanto de **Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** timante perdi sian songazeton **Tempo**, ĝuste en la jaro 2010, la jaro de egalaj eblecoj por ĉiuj homoj. Plendis Kroata Esperanto-Ligo timante ne povi prezenti la finajn rezultojn de la EU-tradukprojekto. La argumentoj el la plendoj estis akceptitaj de la Ministerio. Vi legos **Tempon** ankoraŭ dum 2010! (La urbo Zagrebo bedaŭrinde niajn plendojn ne akceptis kaj rifuzis financi nian revuon. Laŭdire la urbo rifuzis ĉi-jare financadon al 70 revuoj!))

Ni estas kontentaj povi prezenti al vi la eseojn de lernantoj el Hinda Unio, Slovenio kaj Kroatio en kiuj ili komentas pri la libroj tradukitaj en la projekto, gvidita de Kroata Esperanto-Ligo en la lastaj du jaroj. Dum la unuaj monatoj de la jaro 2010 ni vizitis kvar lernejojn en Zagrebo kaj Velika Gorica kaj konigis al lernantoj Hindan Union per la bengala libro **La vivo de Damoru de Trailokyanath Mukhopadhay**. Jen sur la venontaj paĝoj la reehoj el la renkontiĝo kun gelernantoj. Per premioj al gelernantoj kiuj verkis pri la bengala libro en Eŭropo kaj pri eŭropa infanlibroj en bengala traduko en Kolkato, finiĝis nia tradukprojekto, financata de EU dum la lastaj jaroj. La titolpaĝon de **Tempo** ornamas la bengala eldono de **Wakajatapu**. La bengalan titolpaĝon kreis nia membro en Pula **Tihomir Lovrić**.

Kio novas?

La **Granda Vortaro Kroata Esperanta de Lucija Borčić** ekveturis tra la mando en januaro 2010. Nun la kroata lingvo posedas du imponajn vortarojn pri Esperanto.

La **Esperanto-Klubo** ***Mondo Paca*** **el Velika Gorica invitas nin al la 8a kongreso de kroataj esperantistoj la 11an de septembro ! La 12-an de septembro ĝi invitas al ekskurso tra la regiono Turopolje**. Ni atendas viajn aliĝojn. Se vi ne emas partopreni, la kongreso ne povos okazi. Legu pli en la artikolo de **Zlatko Tišljar**.

**Neven Kovačić** ekfunkciigis propran vojaĝagentejon kaj baptis ĝin per la nomo **Esperanto – Turisma Agenco**. Kvindeko da esperantistoj kolektiĝis ĉe la februara malferma festo kaj festeno ĉe la luksa ĉefparka adreso en Placo de Tomislav 18. Pri la agado de la agentejo bonvolu legi dorsflanke de la revuo!

**Kroata Esperanto-Ligo** okazigis la elektan Jarkunvenon la 8an de majo 2010. Ĉeestis 33 delegitoj! Ni havas novan prezidanton **Judita Rey Hudeček**! La vicprezidantoj de la antaŭa mandato retenis siajn postenojn: **Davor Klobučar, Radenko Milošević, Vjekoslav Morankić**. Sekretarias profesie daŭre **Spomenka Štimec**. La membroj de la Prezidantaro estas **Sanja Damjanić, Boris Di Costanzo, Zlatko Hinšt, Marija Jerković, Neven Kovačić, Vida Jerman, Josip Pleadin**.

Okazis elektoj por individuaj membroj de Asembleo de KEL. (La individuaj membroj de KEL estas la membroj kiuj ne membras en kluboj ĉar la kluboj ili aregione ne ekzistas.) La reprezentantoj de individuaj membroj en la Asembleo estas **Ljerka Stilinović (Bjelovar)** kaj **Josip Pleadin (Đurđevac)**.

**Kostrena** gastigis en majo la 9an jaron sinsekve gelernantojn kadre de la tradicia scikonkurso, organizita de **Esperanto Societo Rijeka, Unuiĝo de Prelegantoj de Esperanto** kaj **Kroata Esperanto-Ligo**. Pri ĝi raportas **Tea Radovanović**.

La departamentestro **Siniša Hajdaš – Dončić** vizitis en **Hrašćina** en **Departamento Krapinsko-zagorska** la bienon de **Spomenka Štimec** kaj informiĝis pri la agado de esperantistoj dum **Meteorita tago**, en kiu la 29an de majo 2010 partoprenis pli ol 100 personoj.

**Neven Kovačić** invitas vin kandidatiĝi por **Subvencio Kalendulo** kaj **Premio Kalendulo**.

Ni invitas niajn membrojn al junia **Renkontiĝo de verkistoj** okazonta en **Hrašćina**. Vi estas bonvena renkonti verkistojn **Anna Lowenstein** (Romo), **Imre Szabó** (Budapeŝto) kaj aktoron-kabarediston **Saša Pilipović** (Kragujevac) sabaton la 19an de junio!

Pluraj kroataj esperantistoj veturos eksterlande por aktivi en Esperanta etoso. **Zlata Nanić** kaj **Višnja Branković** kongresos en majo en **Mongolio**. Pluraj veturos julie al kongresoj kaj konferencoj al UK, ILEI-konferenco kaj IJK en **Kubo**, al Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj en **Aŭstrio**.

En Havano **Judita Rey Hudeček** prezentos en la novan turisman prospekton de Zagrebo en Esperanto, eldonita de **Turisma Asocio de Zagrebo**. (Post Havano 2011 ni kongresos en Kopenhago 2012 kaj poste en Hanojo!)

**Esperanto-Societo Sisak** invitas ĝui aŭgustan boatadon sur la rivero **Kupa**.

**Bonan someron al ĉiuj!**

**Ni renkontiĝu ĉiuj en Velika Gorica en septembro!**



*Supra foto: Kulturataŝeo de Hinda ambasadejo en Zagrebo Siddhartha Chattopadhay.*

*Malsupra foto: La krokodilo kreita el la ĉapitro de la bengala libro en lernejo „Mladost" gastas en lernejo „Ksaver Šandor Dalski"*

Fotis Sonja Zubović-Pezdevšek



**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVIII, numero 106 (1/2010), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Urba oficejo pri klerigo kaj sporto, Zagrebo.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Ivo Borovečki, Brunetto Casini, Boris Di Costanzo, Boris Čović, Probal Dasgupta, Nevenka Imbert, Marija Jerković, Davor Klobučar, Neven Kovačić, Lucija Lamešić, Tihomir Lovrić, Damir Mikuličić, Dipanwati Mondal, Daniel Načinović, Josip Pleadin, Divo Pulitika, Tea Radovanović, Vanja Radovanović, Srećko Radulović, Judita Rey Hudeček, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar, Sabina Unger. **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# FINIĜIS LA TRADUKPROJEKTO DE *KEL* FINANCATA DE EŬROPA KOMISIONO


*Zlatko Tišljar kaj Domagoj Vidović dum librolanĉo.* Fotis Foto Kopešić

La 30a de aprilo estis la limdato por fini la tradukprojekton kiun konfidis al **Kroata Esperanto-Ligo Eŭropa Komisiono** el Bruselo. Dum la lastaj monatoj **KEL** vizitis plurajn lernejojn en Zagrebo kaj Velika Gorica kaj prezentis la bengalan libron tradukitan en la kroatan kaj la bengalan eldonon de romano de Joža Horvat *Wakajtapu*.

La libroprezentoj okazis paralele en **Slovenio** kaj **Hinda Unio**. La ĉefa programo okazis en **Kolkato** la 29an de januaro en **Universitato Jadavpur**.

En Kroatio ni havis librolanĉon la 17an de februaro 2010 en **Centro por infana libro**, kie kunhelpis en la lanĉo la ataŝeo de la Hinda Ambasadejo **Siddharta Chattopadhay**, aktoro **Rajko Bundalo** kaj kortuŝe parolis la aŭtoro de la kroata libro **Joža Horvat**. Kunhelpis en la lanĉo **Mark Fettes**, kiu ĉeestis nome de **Esperantic Studies Foundation**, kunfinancinto de la projekto. Interese enkondukis bengalan kulturon lekciisto pri hindologio en Filozofia fakultato **Ivan Andrijanić**. Tradukisto de la romano al Esperanto, **Zlatko Tišljar** ankaŭ kontribuis al la programo. Dum la lanĉo ni prezentis la rezultojn de nia laboro: tri eŭropajn infanlibrojn en la bengala traduko de **Malasree Dasgupta**. Unu bengalan libron **La vivo de Damoru** de **Trailokyanath Mukhopadhayay** en slovena traduko de **Vinko Ošlak**, en kroata traduko de **Domagoj Vidović**, en itala traduko de **Massimo Acciai** kaj **Silvia Garnero**. Estis ekspoziciitaj ankaŭ Esperantaj libroj kiuj peris en la tradukado. La esperantajn tradukojn prizorgis **Zlatko Tišljar** kaj **Umberto Brocatelli** respektive.

**Spomenka Štimec**, kiel gvidanto de la projekto, vizitis la zagrebajn elementajn lernejon **Mladost** en la 16an de marto 2010 kaj aŭskultis belan programon de gelernantoj pri la libro kaj Hinda Unio. (Organizis **Marija Jerković**.)

La lernejo **Ksaver Šandor Đalski** gastigis nin la 24an de marto. **Shuleka Pollak**, zagrebanino el Kolkato kuiris por infanoj bengalan manĝon kaj gelernantoj prezentis teatraĵon pri **Wakajtapu**. Gelernantoj havis lecionon pri la bengala kulturo kaj skribo. (Organizanto **Sonja Zubović-Pezdevšek**). En elementa lernejo **Retkovec**, la 30an de aprilo la lernantinoj havis la okazon ne nur koni la libron el Hinda Unio sed ankaŭ vesti hindan virinan vestaĵon kaj lernis kuiri manĝaĵon alukabli laŭ la hinda maniero, per la helpo de **Shuleka Pollak**. Organizis la programon **Judita Rey Hudeček**. En elementa lernejo **Juraj Habdelić** en **Velika Gorica**, la 22an de aprilo kadre de lerneja festo, gelernantoj lernis pri Hinda Unio, gustumis alukabli, voĉlegis la fragmentojn el la kroata traduko dum Shuleka legis bengale. (Organizanto **Goranka Braim Vlahović**)

Fine de la programo 9 gelernantoj partoprenis en konkurso, verkante eseojn. Jurianoj en Kroatio (**Zlatko Tišljar**, **Vera Roknić**, **Spomenka Štimec**) premiis la plej bonan verkaĵon de **Lucija Lamešić** el Elementa lernejo **Juraj Habdelić**.

En Slovenio la plej multajn poentojn gajnis la verkaĵo de **Sabina Unger**.

En Hinda Unio la unuan premion gajnis **Dipanwita Mondal** por la eseo pri **Wakajtapu**, **Kiran Das** por la eseo pri **Joĉjo Tempesto** kaj **Soubir Mandal** por la eseo pri **Mi volis tuŝi la Sunon**.

Ni publikigas la eseojn premiitaj per la unua premio.

(La itala ne atingis nin ĝis la limdato por la eldono de **Tempo**.)

*Spomenka Štimec*
















# ESEO DE DIPANWITA MONDAL PRI WAKAJTAPU DE JOŽA HORVAT



**Wakajtapu**, verkita de la kroata literaturisto **Joža Horvat**, aperis en la jaro 1984. Tradukite en la bengalan pere de Esperanto, la verko venis en miajn manojn ĉi-jare, do en 2010. Mi neniam pensis, ke mi ĉi tiel havos okazon iam legi verkon de kroata literaturisto, kaj eĉ de tiel bela fabela rakonto kiel **Wakajtapu**. Mi ne scias, ĉu estas ĝuste, nomi ĝin fabela rakonto. Sed ĝi rakontas pri la homoj sur fikcia insulo en la suda Pacifiko – pri iliaj esperoj kaj aspiroj, iliaj ĝojoj kaj malgajoj, kredoj kaj duboj, sonĝoj kaj revoj, amoj kaj agresoj. Legante, mi perdis min; mi sentis, ke mi jam atingis mem tiun insulon; kvazaŭ mi vidas la flugantajn mevojn, la ludantajn marbestojn, ke mi vetnaĝas kun la balenoj kiel Hina. La bela vagema Hina, kun konka girlando ĉe la kolo, estas la ĉefrolulino en tiu ĉi rakonto. Kie ŝi povos trovi edzon indan je ŝi? Ŝia adopta patro la oceana dio, kiu kaŝas sin malantaŭ la identeco de Parana, trovas la ĉefrolulon Iteo, donas al li kuraĝon, montras al li la vojon. Iteo estas junulo, kun okulpleno da revoj kaj brustpleno da kuraĝo. Tute sola li per velboato transiras la maron por atingi **Wakajtapu**. La magiisto minacis lin, ke **Wakajtapu** estas limlinio farita de la dioj kaj ke estas malpermesite proksimiĝi al ĝi. Tiu mistera **Wakajtapu**, ĉirkaŭita de montoj, estas kvazaŭ la vera ĉefrolulo de tiu ĉi fabelo. Ĝuste ĝia altiro igas Iteon transiri la limlinion. Li malkovras multon nekonatan, li transbatalas multajn barojn kaj danĝerojn kaj fine ricevas kiel premion la feine belan knabinon Hina. Tiu fina parto de la rakonto estas plena je ekscitiĝo kaj oni sentas hirtiĝon dum oni legas ĝin. **Wakajtapu** estas finfine unu rakonto, sed en ĝi estas pluraj rakontoj. Pluraj fabeloj en la faldoj de unu fabelo. Tiuj apartaj rakontoj havas tiel vivajn rolulojn, ke oni emas kredi, ke la nigra aglo Ainu, la krabo Kajkaj, la glavofiŝo Totambok ĉiuj kapablas paroli kiel homoj kaj havas propran mondon. En tiu ĉi libro ni konstatas, kiom interesa estas la vivo de fiŝkaptistoj sur la insulo, kiel



diversajn fiŝojn ili kaptas, kontraŭ kiuj ili ricevas la ĉiutagajn bezonaĵojn de aliaj. La karaktero de la magiisto estas sufiĉe timiga. Li estas tia malbonulo, kian oni trovas en ĉiu rakonto. Kun sia bando li erarigas, trompas kaj tiamaniere regas la homojn. Li ligas lin al la limlinio per la blinda forto de superstiĉoj. Sed ĉu oni povas eterne malliberigi iun, kiu havas veran kuraĝon kaj la deziron konatiĝi kun la vivo? Tial ja ne eblis teni malliberan Iteon: li venkis en gloro. La amo de Wa kaj Tapu ne plenumiĝis, sed iliaj korpoj konstruis tiun **Wakajtapu**, kie Hina kaj Iteo unuiĝis. La fino estas tiel bela. Tamen post la ĝislego oni aŭdas de ie la bruon de tamburado – tram, taratara tram.

*(Tradukis la eseon en Esperanton Probal Dasgupta)*

# TRAILOKYANATH MUKHOPADHYAY: LA VIVO DE DAMORU



Foto de Sabina Unger dum prezento de sia eseo.

Kion entute mi diru? Ekzistas aferoj kiuj forprenas vian spiron. Ekzistas aferoj kiuj malesperigas vin. Kaj estas aferoj, kiuj vin pensigas. Tiu ĉi libro estas sendube kombino de ĉio. Ĝi plaĉas al mi kaj ankaŭ ne. Iamaniere ĝi logas onin por ĝin legi, por refoje turni plian paĝon kaj plian kaj ankoraŭ plian. Subite oni ne plu povas legi, ĉar ĉio fariĝis tro komplikita kaj troigita kun tiuj sennombraj hindaj nomoj kaj dioj. Unuflanke absoluta fantazio, senfina iluzio kaj ironio, aliflanke trista kaj doloriga vero.

Ni, eŭropanoj, observas tiel superece alimondanojn, ankaŭ la hindojn, sed se oni bone pripensas, oni vidas ke ĉie estas same. En la libro en unu rakonto troviĝas ekzemplo de du infanoj sen gepatroj, kiuj pro malriĉo kaj konsekvence pro malsato pripensas memmortigon. **Damoru**, kiu aŭdas ilin, ne provas tion malebligi, sed eĉ subtenas ilian decidon antaŭ ĉio pro pura avido kaj egoismo. La ideo, ke homo estas tiom malmorala kaj senempatia, min terurigas. Kaj tiusence mia rigardo al la ĉefheroo – **Damarudhar** esence ŝanĝiĝas. Ke homo deziras el tia situacio preni ion por si kaj senpacience atendas malfeliĉon de alia, estas por mi tro. Tial mi vidas lin kiel negativan personon, kiel egoiston.

Sed mi scias ke tia ne estis nur kompreno de **Damoru**, sed ke tia estas ankaŭ kompreno de multaj homoj en la mondo kaj tio estas teruriga. Ĉe ni, eŭropanoj, ne estis/estas alie. La fabelo de Andersen **Knabino kun alumetoj** estas tia ekzemplo. Homoj marŝis

ĉiutage apud la malriĉa knabino kaj komplete senkunsente lasis ŝin morti surstrate. Neniu interesiĝis pri ŝi, neniu interesiĝas pri infano en Hindujo aŭ pri iu ajn infano en la mondo. Nuntempe diversaj organizoj klopodas savi senkulpulojn, sed tamen en la mondo estas multe tro da suferado kaj malsato. En la libro estas sendube ankaŭ tro da religiaj kontraŭdiroj. Lasi morti la propran infanon estas komplete malakceptebla konduto laŭ mia juĝo. Kia ajn viktimigo pro religio ŝajnas al mi komplete sensenca. Tiusence pri memmortigaj atakoj nome de religio mi tute ne volas paroli. Kaj entute mi ne scias kiel diino **Durga** povus post ĉiuj ŝteloj kaj pekoj de **Damoru** tiel premii kaj beni lin! Ŝi ja estas justa, kiel ni homoj supozas ke dioj devus esti. Kaj finfine – kiel eblas ke la tiel elpensitajn rakontojn de **Damoru** la homoj naive povus ne pridubi? Tie ĉi mi konstatas ke **Damoru** efektive misuzis la religion. Liaj rakontoj en kiuj la dioj helpas lin kaj amas lin, estas mensogoj, ĉar nur tiamaniere ia ĉefheroo tuttempe povis eluzi ĉion kaj ŝteli. Efektive tio estas maniero por forlavi la kulpon pro ŝteloj kiujn li kaŭzis. Li estis diotima sed efektive ne sufiĉe, se li kuraĝis elpensadi tiajn mensogojn pri dioj. Li verdire kapablis adapti la religion por siaj bezonoj kaj uzi ĝin laŭsituacie.

Estas vero ke ni homoj bezonas ion je kio ni kredos kaj en kio ni serĉas konsolon. Ni bezonas la kredon. Tiel estis kaj estos ĉiam. Rilate al ĉio kio okazas en la mondo, ni bezonas ŝirmon, ŝirmon de pli granda malbonŝanco – ŝirmon de malespero. Malespero pro ni mem. Sed neniel ni bezonas mensogojn kaj neniel ni bezonas mensogulojn kiuj je la nomo de religio pravigas siajn malbonagojn kaj riĉiĝas.

Ni devas aŭskulti nin mem, en sano kaj aparte en malsano. Mi tre estimas homeopation. Sed ne tiun el la libro, sed veran homeopation. Tio estas maniero kiel resaniĝi, spirite trankviliĝi kaj reiri al la reala grundo sen fortaj kemiaj medikamentoj, kiuj postlasas sur la korpo sekvojn diversajn. Mi opinias ke ni devus inkluzivigi metodojn de homeopatio ankaŭ al la nuntempa medicino. Iun valoron ĝi sendube havas, tion mi mem spertis. Sed bedaŭrinde tio estus tro grandaj elspezoj por ŝtato kaj tial tro ofte oni pluuzas nur pli malbonajn manierojn por sanigo. Poste oni konstatas ke ofte temas nur pri trompoj kiel ja okazas pri diversaj kvazaŭkuracistoj kiujn priskribas ankaŭ la libro. Ne povas iu kiu antaŭe estis simpla kamparano sen necesa edukiĝo sanigi homojn. Por akiri monon homoj elpensas tre diversajn malveraĵojn per kiuj ili substrekus sian "fakan" konon. Ja neniu efektive interesiĝas pri vera sano de aliuloj, ĉi tie temas finfine nur pri profito. Kaj la homoj? Nu ja neniun plu interesas la fakto kiel vivas la homoj.

Bedaŭrinde estas tiel ke mono regas la mondon. Nia ĉefheroo en la libro efektive estis ŝtelisto kaj trompanto. Li farus kion ajn por akiri monon. Liaj rakontoj estas nun rimedo per kiu li pravigas ĉe aliaj siajn ŝtelojn. Li lasis ĉion al la mondo de fantazio por eviti kulpon. Tiel estas ĉiam. La homoj pro mono daŭre mensogas kvazaŭ la homaj sentoj ne plu estus valoroj. Samkiel iam ankaŭ nun plimulto da leĝoj estas kunmetitaj ne pro amo, kiel ni supozas kaj aŭdas en ĉiuj fabeloj pri princoj kaj princinoj, sed baze de mono kaj socia statuso. Nuntempe amantoj ŝajnigas la amon (almenaŭ en la komenco), dum iam tio tute ne estis grava, ĉar la junedzinon vendis por la geedziĝo la gepatroj mem.

Kiam mi parolas pri junedzinoj kaj edzoj mi diru ke io tamen pozitive surprizis min en la libro. La rilato inter edzo kaj edzino. Edzinoj, amenaŭ laŭ la teksto en la libro, ne estis tiom malpli valoraj, kiom ili estis ĉe ni "civilizitaj eŭropanoj". Ke Elokeŝi bategis per balailo sian edzon ja malagrable surprizis min, sed nenie mi trovis spurojn pri inversa perforto, kio estas tre ofta en nia kulturo. Estas vero ke la islamaj virinoj estas kovritaj, sed tio estas pro ilia propra sekureco, ke viroj ne deziru ilin kaj ne damaĝu ilin – almenaŭ tiel diras **Damoru**. Ĉe ni, kiuj estas la plej "saĝaj", virinoj longe ne havis iujn ajn rajtojn kaj eĉ nuntempe ankoraŭ en multaj familioj ne havas ilin. Rilato al virinoj kaj infanoj, la rakontoj de **Damoru**, disdivido je kastoj kaj ĉio ligita kun mono, kiel ŝteloj, militoj kaj leĝoj, montras senlimecon de homa fantazio. Ekzemplo de tia sadisma fantazio estas ekstermado de lupoj en mezepoko. La homoj kruele mortigadis ilin, preparis kaptilojn por ili ĉiuspecajn kaj venenigis ilin. Ili bildigis tiujn kiel helpantojn de satano kaj sangosuĉantojn. Nur pro tio ĉar lupoj estis iliaj konkurantoj kaj ili timis tiujn. Simile ili agas al aliaj homoj, nur la ekstermado ne ankoraŭ atingis tiajn kvantojn. Ĉiuj murdoj, ĉio estas pro mono, pro deziro esti pli valoraj ol aliaj. Senĉesa konkurado kaj maltolero al aliaj homoj. Kien ĉio kondukos nin?

Kiam mi tiel pripensadas, mi demandas min, kien direktiĝis la homaro? Ĉu nia ambiciemo kaj konkuremo kondukos nin al la fino mem? La mono!? Sed tio estas sensenca. Kion mi entute diru? – Eble tiu ĉi mondo vere bezonas ankaŭ tian satiron kian verkis **Trailokyanath Mukhopadhyay**.

*Sabina Unger, 9-a lernojaro de la Elementa lernejo Bojan Ilič en Maribor (Slovenio)*

*Mentorino: Aleksandra Godec*

*(Tradukis la eseon en Esperanton Zlatko Tišljar)*

# PRI LA LIBRO *LA VIVO DE DAMORU*

**La vivo de Damoru** vere komence konfuzigis min.La libro estas verkita de bengala verkisto. En ĝi enestas aro da por ni nekonataj vortoj, sed la klarigoj troveblas piednote. Kiam vi ekregas tiujn novajn vortojn, la libro estas pli facile legebla kaj vi facile dronas en iun novan mondon, ĉi-foje Hindan Union.

Mi estis entirita en la novan mondon, socion kaj kulturon, tute diferencan de la nia. Finfine, la libro venas al ni el alia kontineto, el Azio. Plaĉis al mi kompreni ke la libro rakontas pri la alia mondrigardo de la homoj el tiuj foraj regionoj. Ni povas vidi ilian vivmanieron, iliajn kutimojn, parte kunplektitaj kun la mitologio. Tiu mitologio ege entuziasmigis min, Ĝi estis priverkita brile kaj almagiita por ni. La eventoj en la libro fluas laŭ la rakontoj kiuj estas efektive partoj de la vivo de Damoru. Damoru rakontas al ni fabelojn, ĉirkaŭigita per siaj amikoj. Ili dilegente aŭskultas lin kaj ensorbas ĉiun lian vorton, sed foje ili estas perpleksitaj pro nekonsekvencaĵoj.

Ĉiu rakonto tuŝas legantojn alimaniere. Iuj ridegas ĝis larmoj. La aliaj dum la legado kaŭzas zorgojn. Ŝokaj aferoj lerneblas el la libro, rilatantaj al la socio de Hinda Unio: la knabinoj estis devigataj tre ofte edziniĝi en ege frua aĝo. Tio estas nur ereto de la malgravigo kaj senrajtigo de la virinoj en la mondo.

La libro plenas de ekscitiĝoj. La rakontado plenas je konstanta moviĝo kaj dialogoj. Sed kiel mi jam menciis, ekzistas la motivo de mensogo. Restas la demando kial? Ĉu Damoru volas esti populara, aŭ ĉu li ĉiam estis tiel neserioza, erarvaginta en la mondon de fantazio?

"Baldaŭ mia spirito forlasis la korpon. La korpo tuj alteriĝis. Mi rigardis la spiriton eliranta el la korpo.

La spirito havis la grandecon de mia polekso kaj malpeza kiel la aero kaj ĝi komencis supreniri. Mi aŭdis pri mallarĝa superreala homa korpo. Mi do ekpensis ke li fakte mortigis min. Miaj senmortaj restaĵoj fakte nun survojis al la ĉiela ripozejo. Mi eliris el la plafono de la ĉambro. Mia vojaĝo al la ĉielo daŭris. Mi tute ne scias kiom multe mi suprenleviĝis. Mi veturis tra la nuboj, preteriris la Lunon kaj fine alvenis al la Suno. Mi rimarkis ion interesan, ke maljunulino, la ĉiela patrino – per granda hakilo tranĉas la Sunon en pecetojn kaj pendigas ilin sur la ĉielo."

En ĉiuj rakontoj estas aparta estimo donita al iu diino, al Durga. Ŝi estas la diino de la militoj kaj ŝi estas dekbraka. Damoru respektas ŝin ĉar ŝi tiom da fojoj savis ŝin. Sed, li, same kiel la resto de la socio, kredas nur laŭ la bezono. Sed tio ne estas ofta okazo nur en la hinduisma mondo, sed ankaŭ en la cetero de la mondo kiun ni bone konas, ĉu ne?

Post ĉio dirita, mi demandas min, ĉu ĉi tiu libro estas infanlibro? Mi rekomendus al ĉiuj mem esplori tion kaj pritaksi per legado. La libro estas ege interesa kaj aparte ŝatos ĝin la homoj kiuj mem ŝatas studi diversajn kulturojn kaj mondojn.






**Hindia gastino Shuleka Pollak en lernejo *Juraj Habdelić* en Velika *Gorica***

*Lucija Lamešić 8 a*
*Elementa lernejo Juraj Habdelić*
*Velika Gorica*

*Mentorino: Goranka Braim-Vlahović*

*(Tradukis la eseon en Esperanton Spomenka Štimec)*

# ESPERANTA FESTO EN PÉCS – LA EŬROPA KULTURA ĈEFURBO

La suda hungara urbo Pécs estas ĉi-jara eŭropa ĉefurbo de kulturo. Tiuokaze ankaŭ lokaj esperantistoj organizis kulturan programon la 24-an de majo 2010. La nuna societo **Sopianae** ne estas oficiale organizita, sed simple amikara grupo. Ili kunvenas en la ejoj de la urbocentra parokejo, dank' al komplezo de la paroko, kiu mem iom parolas Esperanton. En la klubejo estis ekspozicio de esperantaj fotoj kaj novaj libroj. Post kvar mallongaj prelegoj pri uzebleco de Esperanto sekvis en la proksima Esperanto-parko florkronado de la memorŝtono de Zamenhof, kaj granda koruso el lernejanoj kantis dekon da kantoj en Esperanto. La ĵus renovigita parko nun havas 12 memortabulojn pri hungaraj esperantistoj. Katolikan esperantan diservon en la ĉefplaca preĝejo solenis la pastroj Kelé Pál el Pécs kaj Kirsch János el Szekszárd. La renkontiĝo finiĝis per komuna tagmanĝo. Inter pli ol 50 partoprenantoj estis esperantistoj el Pécs, el apudaj lokoj kaj delegitaro de la landa asocio el Budapeŝto, kun la prezidanto Szabó Imre. Venis grupo da esperantistoj el Senta (Serbio) kaj el najbara kaj ĝemela kroatia urbo Osijek salutojn alportis mi. Mi faris mallongan prelegon pri la kunlaboro de esperantaj kluboj el Pécs kaj Osijek antaŭ 30 jaroj.

*Davor Klobučar*



***Pécs, Esperanto-parko, la 24-an de majo 2010. De maldekstre: Laszlo D. Nagy, Davor Klobučar, Szűcs István , Eszes Maria kaj Tóth Laszló***

# BONVENON AL VELIKA GORICA - AL KROATA ESPERANTO-KONGRESO




Velika Gorica
Placo de Stjepan Radić

La 11-an de septembro 2010 okazos en Velika Gorica la **8a Kongreso de kroataj esperantistoj**. Post kvinjara paŭzo estas tempo rerenkontiĝi kaj pridiskuti E-planojn kaj aŭdi ion novan. (Ja la 7a kongreso de kroataj esperantistoj okazis en Zabok en 2005.)

La kongreson kunorganizas Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-societo de Velika Gorica. La ĉeftemo estos **Eŭropo kaj Esperanto**. La ĉefreferaĵon havos **Zlatko Tišljar**, sekretario de Eŭropa Esperanto-Unio. Pluraj aliaj esperantistoj prilumos la temon el diversaj vidpunktoj. Bonvolu anonci viajn proponojn pri la temo al la sidejo de KEL.

Parto de la programo estos dediĉita al 60-jariĝo de Eŭropa Unio. Tiucele ni planas inviti kiel prelegontojn ambasadorojn de Francio kaj Germanio, ja EU komenciĝis per ekonomia kunlaboro de tiuj du landoj.

Ni planas distribui dankdiplomojn al gelernantoj kiuj partoprenis en verkado de eseoj pri kroatigo de la bengala libro **La vivo de Damoru**.

En la kultura parto de la kongreso prezentiĝos la kulturo de Velika Gorica kaj Turopolje. **Goranka Braim Vlahović** pedagogino de Elementa lernejo **Juraj Habdelić** zorgas pri la kultura programo de la kongreso.

La kongreso komenciĝos sabaton je la 9h30 kaj daŭros ĝis la 20h00 vespere. Se aliĝos sufiĉe da partoprenantoj, speciala buso atendos vin en Zagrebo por transporti vin ĝis la kongresejo en Galženica en Velika Gorica.

Interesitoj kiuj deziras ekkoni la urbon Velika Gorica kaj la ĉirkaŭaĵn interesaĵojn historiajn kaj kulturajn povos tranokti kaj ekskursi la postan tagon, dimanĉon la 12an de septembro per aparta busekskurso. Bonvolu peti detalan programon.



*Loka Organiza Komitato de la 8a kongreso de kroataj esperantistoj kunsidas la 10an de marto 2010: Mario Dilberović, Spomenka Štimec, Goranka Braim Vlahović kaj Stjepan Žarina.*

Fotis Zlatko Tišljar

Aliĝkotizo estas 120 kunaoj por tiuj kiuj aliĝas ĝis la fino de junio. Poste 150 kunaoj. La aliĝilon sendu al Kroata Esperanto-Ligo, Mislavova 11, 10000 Zagreb, esperanto@zg.t-com.hr, www.esperanto.hr.

Ni atendas vin kun malfermitaj brakoj en Turopolje. Esperanto-kongreso neniam okazis ĉi tie kaj tial ni esperas pri via subteno kaj partopreno.

*Zlatko Tišljar*

# MONTKABANA RENKONTIĜO 2010

MKR, la mallongigo por MontKabana Renkontiĝo, estas jam de longe sinonimo por migradoj en agrabla E-etoso. Kvankam la nombro de MKR-partoprenantoj ne estas tiel granda (averaĝe 30-50) tiu aranĝo estas vaste konata inter eŭropaj naturemaj esperantistoj. MKR naskiĝis en la jaro 1990 kaj dum la unuaj 10 jaroj aktivuloj de Aŭstra Esperanta Junularo (AEJ) organizis ĝin. Dum la venontaj 10 jaroj pri la aranĝo zorgis membroj de Kroata Esperanta Junulara Asocio (KEJA), Mea, Milivoj kaj Vanja ... Kaj, nun, kiam MKR jam iĝis 20-jaraĝa, venis tempo por novaj ŝanĝoj - ĉio kio ne ŝanĝiĝas post iom da tempo iĝas teda kaj laŭ tiu sistemo ankaŭ MKR devus eniri sian novan epokon. Ne timu, ĉefa celo de MKR daŭre estos organizado de interesaj montmigrantaj ekskursoj por esperantistoj, sed ekde ĉi jaro la aranĝo ĉiujare ŝanĝos la "gastiganton"!

Ĉi-jare MKR revenas al sia "naskiĝlando", Aŭstrio, kaj ĝi estos organizita en urbeto Reichenau, en sudokcidenta angulo de la regiono Malsupra Aŭstrio (Niederoesterreich). Proksime al Reichenau troviĝas du plej orientaj alpaj montoj, Schneeberg kaj Rax, kaj tiuj montoj estas jam delonge ŝatataj ekskursceloj de loĝantoj de Vieno (pro tio ili estas ankaŭ konataj kiel "Wiener Hausberge", Vienaj dommontoj). Partoprenontoj povos viziti plej belajn angulojn de tiuj du montoj kaj mi certas ke ankaŭ agrabla internacia etoso ne mankos - dum lastaj jaroj MKR-on regule vizitis esperantistoj el 8-10 landoj.

Ĉi-jara "MKR-gastiganto" estos **Christian Eppler**, esperantisto el Vieno (kaj longjara MKR-partoprenanto) kaj surloke helpos al li ankaŭ ĝisnuna jam menciita kroata organiza teamo. Ĉiujn informojn pri MKR kaj la aliĝilon vi daŭre povos trovi je kutima MKR-retpaĝo (***http://www.keja.hr/mkr-n.html***) ... Mi esperas ke ĉi-jara MKR estos eĉ pli sukcesa ol antaŭaj kaj certas ke venontjare MKR gvidos vin kaj min denove al belaj montoj en iu alia lando!

*Vanja Radovanović*

# KONKURSO PRI SCIO DE ESPERANTO "POKALO KOSTRENA 2010"


Fotis: Boris Di Costanzo

Lernantoj de elementaj lernejoj ĉi-jare denove havis ŝancon montri sian scion! La konkurso pri scio de Esperanto okazadis dum tri tagoj, de la 21-a ĝis la 23-a de majo, en **Skolta ripozejo "Esperanto Domo"** en **Kostrena**, ĉemara urbeto apud Rijeka.

La konkurson partoprenis 16 gelernantoj el 5 elementaj lernejoj. Ili partoprenis skriban ekzamenon kaj konkursis en du kategorioj: A - komencantoj kaj B - progresinta nivelo.

En la kategorio A la unua premio ne estis aljuĝita, la duan premion ricevis **Ana Jurelinac** el **Elementa lernejo "Mladost"** el **Zagrebo**, kaj la trian premion ricevis **Ružica Čutuk** el **EL "Nikola Hribar" Velika Gorica**; en la kategorio B estas laŭditaj: **Emil Hrvatin** el **EL "Andrija Mohorovičić" Matulji**, **Anamarija Haramina** el **EL "Mladost" Zagreb** kaj **Dorotea Knežević** el **EL "Mladost" Zagreb.**

Per "Pokalo Kostrena 2010" estas premiita **Elementa lernejo "Retkovec" Zagreb** kiel la plej bona lernejo. La plej sukcesaj lernantoj (unuaj tri lokoj) estis premiitaj per diplomoj kaj pokaloj.

Por lernantoj de elementaj lernejoj en Velika Gorica kurso de Esperanto okazadis en **EL "Juraj Habdelić"**. Ĉiuj lernantoj ricevis donace la novan lernolibron de Esperanto, "Esperanto – izravna metoda" de slovaka aŭtoro Stano Marček, kiun **Marija Jerković** tradukis en la kroatan. Pri la amuza parto de la konkurso zorgis kelkaj membroj de **Kroatia Esperanto-Junulara Asocio (KEJA)** el Zagrebo. La konkurson ĉeestis instruistoj kaj prelegantoj de Esperanto, kaj ankaŭ ĉi-jare spertoj kaj sciojn estis interŝanĝitaj.

Sabaton posttagmeze la partoprenantoj vizitis **Astronomian centron Rijeka**, kie, krom la spektado de eduka filmo "Du pecetoj de vitro" en la planetario, la gelernantoj aŭskultis interesan prelegon kaj spertis iom da universa grandeco tra la teleskopo.

Profesoroj kaj instruistoj kiuj volas lerni Esperanton kaj fariĝi prelegantoj de Esperanto povas kontakti **Hrvatski savez za esperanto (KEL – Kroata Esperanto - Ligo), Kneza Mislava 11, Zagrebo; per telefono 01 461 7550 aŭ rete al esperanto@zg.t-com.hr** .

*Tea Radovanović*



# DUA BOATADO SUR LA RIVERO KUPA

Post la unua Esperanto-boatado sur la rivero Kupa en 2009, **Esperanto-Societo Sisak** invitas al la Dua Esperanto-boatado sur la rivero Kupa de la 1a ĝis la 5a de aŭgusto 2010, sub la solgano Aventuro en la naturo. Kunorganizas la aranĝon **Esperanto-Societo "Mondo Paca"** el **Velika Gorica** kaj **Esperanto-Societo "Viktor Mihovilić" Karlovac**. La boatoj startas el Karlovac kaj navigas dum kvin tagoj laŭ la rivero Kupa, ornamitaj per Esperanto-flagoj, kun la celo enhaveniĝi en la urbo Sisak por partopreni solanaĵon okaze de la Tago de kroataj defendantoj. Nokte oni bivakas en tendoj sur la riverbordoj. Esperanto-kurso survoje.

Detaloj ĉe Srećko Radulović, prezidanto de Esperanto-Societo Sisak - 0992433352.

# VODNIKOVA 9 NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 531. Roža Brletić | 2,76 eŭroj |
| 532. Drago Smolić | 8,10 eŭroj |
| 533. Jagoda Latinović | 2,76 eŭroj |
| 534. Karmen Crnković | 31,68 eŭroj |
| 535. Boris Di Costanzo | 6,89 eŭroj |
| 536. Srećka Bakarić | 2,76 eŭroj |
| 538. Lucija Borčić | 27,55 eŭroj |
| 539. Josip Vrančić | 100,00 eŭroj |
| 540. Damir Mikuličić | 137,75 eŭroj |
| 541. Mirjana Žeželj | 27,55 eŭroj |
| 542. Anto Mlinar | 1,38 eŭroj |
| 543. Đurđa Štokić | 13,64 eŭroj |
| 544. Spomenka Štimec | 6,89 eŭroj |
| 545. Darinka Sović | 55,25 eŭroj |

En 2010 kolektitaj 424,96 eŭroj.
Kolektitaj ekde la jaro 2003 entute 24. 772,45 eŭroj.
Nia granda kredito reduktiĝis al 27.963,52 eŭroj.

# SALUTO DE LA NOVA PREZIDANTINO


Fotis: Davor Klobučar

En politiko estas kutimo elekti prezidant(ino)n laŭ plano proponita de li/ŝi. Prezidanto estu persono kun la ideo pri estonteco. KEL estas nek politika partio nek ŝtato, tamen estus bone elekti la personon kiu havas tiun ideon.

Ne malfacilas havi ideojn. Problemo estas ke ili kongruu kun realeco. Ekvilibreco inter ideoj (deziroj) kaj eblecoj dependas de la aĝo. Ideoj de gejunuloj ofte pli grandas ol eblecoj, ĉar mankas sperto. Nesperteco do, estas malavantaĝo. Sed ne nepre. Maljunaj homoj havas spertojn kaj surbaze de ili ofte "antaŭscias" kio estas realigebla kio ne. Por eviti problemojn ili ne volas komenci novajn aktivadojn. Ĉu tio estas avantaĝo? Certe ne. Sen novaj aktivadoj ne eblas pogresi.

Demando nun estas kiu pli taŭgas por la gvidanto: spertulo aŭ malspertulo? Al kiu grupo mi apartenas?

Mia 35 jaraĝa aktivado en KEL povas do esti avantaĝo sed ankaŭ malavantaĝo.

Ĉiuj aĝaj homoj parolas pri sia "ora generacio". Mi ankaŭ. Nia generacio aktivegis, organizis klubojn, gvidis kursojn, fondis profesian entreprenon, festivalon, realigis sennombrajn radio- kaj TV-elsendojn, gazetajn artikolojn ... Sed tiamaj "maljunuloj" ankaŭ al ni riproĉadis ke ni ne estas sufiĉe bonaj esperantistoj.

Kial nun paroli pri tio? Eble por analizi la situacion de la nuna KEL.

Nia tempo estas tempo de grandaj kaj rapidaj ŝanĝoj. Malfacilas orientiĝi en novaj cirkostancoj. Por sukceso estus bone uzi spertojn de malnova kaj freŝajn ideojn kaj vivforton de nova generacio. KEL estas nek granda nek riĉa ligo kaj nunaj cirkostancoj estas sufiĉe maloportunaj por nia agado?

Jes ja. Sed kiam ili estis bonaj? Ĉu antaŭe estis pli facile ricevi monhelpon por nia laboro? Mi pensas ke ne. Estis nur aliel ... Do, ni devas ŝanĝi nian pensmanieron. Ni devas ĉesi plori pri nia senpovo kaj kompreni nian forton, serĉi novajn vojojn ... Ni ploras pro tio ĉar nia membraro plimalgrandiĝis, sed forgesas ke multaj iam grandegaj ligoj hodiaŭ apenau vivas. Ni eĉ tuj postmilite kapablis transpreni grandajn taskojn. Multaj perdis siajn ejojn, ni aĉetis la proprajn. Aliaj maldungis teamojn de siaj profesiuloj, ni ekhavis profesian sekretarion.

Ni malkontentas ke ni ne instruas Esperanton en lernejoj, forgesante ke ankaŭ krizas la germana, franca, rusa lingvoj. Al lingvoinstruistoj de tiuj lingvoj mankas gelernantoj, al ni mankas instruistoj ... Ni diras ke ni estas malmultaj, sed ni ĉiam sufiĉas kiam ni devis organizi ion gravan (ne forgesu Universalan Kongreson 2001). Kaj fine, laŭ mi plej grave: En multaj asocioj oni malkovris krimojn. Funkciuloj kaj membroj ŝtelas, ni ĉiuj libervole donas monon por pagi kredit-ŝuldojn por la aĉetitaj ejoj en kiuj aktivos novaj generacioj. Nia Ligo travivis jam tutan jarcenton kaj ne ŝajnas esti morta, ĉu ne?

Ĉu tio ne signifas ke ni estas nekutima, eksterordirana komunumo? Jes, ni estas. Mi ja scias, ke tiuj vortoj sonoras ege malmodeste, sed analizu la situacion. Kiu ni vere estas? Vi vidos ke presakaŭ neniu nia membro estas meznivela persono. Mi ne parolu pri diplomoj, titoloj ktp, kvankam estus interese ankaŭ analizi tion ... Mi parolu pri ĝeneralaj scioj, interesoj, okupoj ... Esperanton lernas homoj kiuj havas pli da interesoj ol ĝeneralaj homoj. Tiel estis – as – os. Pro tio tiom da eksterordinuloj inter ni, kaj tio ja estas nia vera forto. Estas ankaŭ la vero, ke ni ne ĉiam harmonias, eĉ kverelas, kverelegas. Ne, ofte ni tute ne estas harmonia "ronda familio". Sed niaj kvereloj ne okazas ĉar mi malsimpatias unu kun la alia. Ili okazas pro tio ĉar ni ne samopinias kiel atingi la saman celon.

Jes karaj, kaj kiam oni proponis min esti prezidantino de KEL mi surpriziĝis kaj ektimis: ĉu mi estas sufiĉe kvalita persono por estri komunumon de tiaj homoj? Mi cerbumis pri mia tasko kaj ekkomprenis ĝin ne kiel "gvidado" de iu komunumo sed pri "kunligado kaj subtenado" de jam ekzistantaj ideoj kaj fortoj. Ĉu KEL progresos dum sekvontaj kvar jaroj, do, ne dependos de mi, sed de ni ĉiuj kune. Mi esperas ke jes. Mi antaŭdankas por agrabla kunlaboro.

*Judita Rey Hudeček*

# D-RO MARK FETTES EN ZAGREBO

Konata esperantisto D-ro Mark Fettes el Kanado restadis private kun sia familio en Kroatio kaj havis okazon kelkfoje publike prezentiĝi: en Asocio de universitataj profesoroj **D-ro Mark Fettes** prelegis pri siaj esploroj la 16an de februaro 2010. La titolo de la prelego estis **Lingvo kiel tranĉilklingo – tradukado en ekologia kunteksto. Aleksandra Šćukanac** intervjuis lin por revuo **Strani jezici/Fremdaj lingvoj**.

La 17an de februaro Mark Fettes reprezentis la plej gravan movadan fondaĵon ESF ĉe la lanĉo de tradukprojekto gvidata de KEL kaj financata de EU. ESF financis la projekton per 5000 dolaroj kaj tiel grave kontribuis al ĝi. Fettes dum la programo rolis kiel voĉleganto de fragmento el la Esperanta traduko de verko **La vivo de Damoru**, en traduko de **Malasree Dasgupta**.

La 19an de februaro la familianoj Fettes renkontiĝis kun la membroj de zagreba **Esperanto-societo "Bude Borjan"**.

**Turisma Asocio de Zagrebo** invitis D-ron Fettes kaj familianoj al tagmanĝo la 18an de februaro 2010, celante prezenti siajn konsiderojn pri rekandidatiĝo de Zagrebo por gastigo de Universala Kongreso de Esperanto iam en estonteco.

*S. Štimec*

# KOMPONISTO BORIS PAPANDOPULO KAJ ESPERANTO

**Boris Papandopulo,** kroata komponisto kaj muzikdirektisto; filo de operkantistino Maja Strozzi-Pečić i kaj greka nobelo Konstantin Papandopulo, estas en fokuso de esploro de muzikologo, estro de Koncerta dirktejo **Davor Merkaš**. Papandopulo verkis pli ol 440 muzikaj verkoj. Merkaš esploras precipe la verkadon de Papandopulo el la jaro 1987 ĉar li havas informojn ke por la centa jubileo de Esperanto Papandopulo kreis komponaĵon por la poemo de Josip Velebit **De l' ostoj prujnblankon mi memoras.** Al ni mankas informo pri ekzisto de tiu poemo. Laŭdire Papandopulo komponis muzikon ankaŭ por pupteatraĵo **La domo de konkordo** de **Josip Velebit**. Bedaŭrinde notoj kaj tekstoj ne troveblas.

*S. Š.*

# ESPERANTO-KURSOJ POR PLENKRESKULOJ EN ZAGREBO

En loka komunumo **Utrine** funkcias Esperanto-kurso por plenkreskuloj, gvidata de **Marija Jerković**. La kurson organizis **Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj** (UZE) kaj **Unuiĝo de prelegantoj de Esperanto** (UPE). Kursanoj aĝas inter 17 kaj 70 jaroj kaj la kurso daŭras de la 15a de marto ĝis la 15a de junio 2010. Alian kurson por plenkreskuloj gvidis en **vojaĝagentejo "Esperanto" Nevenka Imbert.**

*M.J.*

# NEKROLOGOJ

## JOSIP ŠLAT (1932-2009)

La 14-an de decembro 2009 mortis en Zagrebo, malnova esperantisto Josip Šlat. Li naskiĝis en Golubovec la 2-an de februaro 1932. Sanitara teknikisto, iama fakdelegito de UEA pri komerco. Post finita gimnanzio, en 1950 li finis mezlernejon por sanitaraj inspektistoj. Ekde 1958 laboris en varkontrola entrepreno. Esperantisto de 1948. Bibliotekisto, komitatano kaj membro de la revizia komitato de Esperanto-societo "Bude Borjan". Ekde 1955 sekretario de Kroatia Esperanto-Ligo. Parolisto en la Esperantaj elsendoj de Radio Zagrebo (1956-1959). Li estis kunlaboranto de "La Suda Stelo". Pro la profesiaj devoj li longe laboris eksterlande, ĉefe en Usono. Mi vizitis lin la 12-an de novembro 2009. Jam videble malsana li tamen bonege parolis Esperanton.



*J. Pleadin*

## BRANKO BRUMEN (?-2009)

Zagreba esperantisto Branko Brumen, la iama aktivulo de Studenta Esperanto-Klubo, mortis la 2an de julio 2009 en Zagrebo en aĝo de 63 jaroj. Ni publikigas informon laŭ mesaĝo de lia fratino. Pliaj biografiaj informoj mankas.

*S.Š.*



## JAKOV KRPAN (1919-2009)

Li naskiĝis en la jaro 1919 en Ričice (regiono de Lika). Profesie Jakov estis maŝinseruristo. La metion li lernis en Slavonska Požega. En 1942 li fariĝis soldato de partizana armeo. Postmilite profesia oficiro li restis dum 3 jaroj, kaj post tio li pensiiĝis. Esperanton li lernis en la jaro 1939 en Zagrebo, kaj ekde tiam ĝis la fino de sia vivo li restis aktiva esperantisto. Li estis membro de loka Esperanto-societo "Viktor Mihovilić" en Karlovac. Membro de UEA, loka delegito en Karlovac kaj fakdelegito pri metalprilaborado (1989-1995) kaj marksismo (1996-2009). Li forpasis la 8-an de aŭgusto 2009 en Karlovac.

*J. Pleadin*

## POETA LOCALIS [1)]

Estus por li pli bone se li estus paŝtinta kaprinojn,
ol ke li tiom da
versoj
dormeme elvortis.
Kaj stulteta li estis,
stulteta li restos,
kiel l' azen' kiu blekante de malsato fimortis.

Estus por li pli bone se li estus foririnta en la mondon,
ol ke li masonadis
el la nevido
kastel-remparon.

De sur nia kampanilo
oni ne vidas foren:
Nure la sunon, vitojn, ŝtonamasojn kaj la maron.

En Padova same, en Peŝto kaj Vieno,
ĉiuj niaj kantoj havas fremdan mienon.
Pri l' blasfem' kelkfoje aŭdiĝas signo ia,
dum la vent' forpalas ĝin el lando nia.
Nia tuta son' kroata 'stas la ido sen homvoĉo,
kiun la viŝil' forigas de sur la eŭropa tablo.

Transit gloria versus! [2)]
Eĉ tio ne estas sen diablo.

*Daniel Načinović*
*El la ĉakava dialekto de la kroata: Ivo Borovečki*

1) (lat.) Loka poeto
2) (lat.) Forpasas la gloro de l' versoj.

# Subvencio Kalendulo

## KONSTANTA PUBLIKA ALVOKO

Post pluraj sporadaj financaj subtenoj al diversaj Esperantaj entreprenoj fare de la iniciatinto, establiĝis la **Subvencio "Kalendulo"** en 2009. En tiu jaro ĝin ricevis:

1. Marija Jerković por Unuiĝo de prelegantoj de Esperanto
2. Krunoslav Puškar
3. Aleksandar Kocian
4. Josip Pleadin por Dokumenta Esperanto-centro.

Por la jaro 2010 la necesan monsumon disponigos la establinto persone, dum por la jaro 2011 kaj sekvaj subvenciojn atribuados la Fonduso por lingva egaleco. (Por detaloj bv. vidi la koncernan artikolon en Zagreba Esperantisto de sept. 2008.)

Aktuala valoro de la subvencio estas kunaa kontraŭvaloro de mil eŭroj. Je ĝi rajtas ĉiu kiu faros ion utilan por Esperanto dum la kuranta jaro, laŭ la prijuĝo de komisiono konsistanta el tri personoj: Neven Kovačić, Judita Rey-Hudeček kaj Spomenka Štmec.

Direkti proponojn por ricevi subvencion rajtas:
- ĉiu fizika persono
- ĉiu jura persono
- ĉiu neformala grupo de personoj

Tiu ĉi proponkolektanta alvoko validas ĉiam.

Ĉiu propono alveninta ĝis la 1-a de septembro 2010 estos konsiderata por kuranta jaro. Ĉiu propono alvenonta post tiu dato estos aŭtomate prokrastita por la sekva jaro.

Bonvolu sendi viajn proponojn perpoŝte al adreso:

**"Esperanto" s.l.r.**
**je atento de Neven Kovačić**
**Trg kralja Tomislava 18**
**HR 10000 Zagreb**

kopie al:

**Kroata Esperanto-Ligo**
**Kneza Mislava 11**
**HR 10000 Zagreb**

PAGITA ANONCO

# Premio Kalendulo

## KONSTANTA PUBLIKA ALVOKO

**Premio "Kalendulo"** establiĝis surbaze de koncerna iniciato de Neven Kovačić en la jaro 2007. Ĝia celo estas honori por Esperanto utilajn unuopajn atingojn aŭ longdaŭrajn, inkluzive vivolongajn poresperantajn agadojn.

Ĝis nun ĝi estis atribuita tri fojojn: en 2007, 2008 kaj 2009. La premiitoj estis:

***Studenta Esperanto-Klubo el Zagrebo*** por la jaro 2007 okaze de ĝia 50-jariĝo kaj pro ĝia kontribuo al la kroatia, precipe junulara Movado.

***S-ino Lucija Borčić*** okaze de finpretiĝo de ŝia Granda Vortaro Esperanto-Kroata kaj pro ŝiaj imponaj meritoj por la kroatia kaj internacia movadoj.

***S-ino Spomenka Štimec*** pro ŝiaj grandaj meritoj por kroatia kaj internacia movadoj.

Nun ni serĉas kandidatojn por la Premio 2010 kaj la sekvaj. Tial ni lanĉas tiun ĉi konstantan publikan alvokon invitante kandidatiĝi. Ĉiuj proponoj alvenontaj ĝis la 1-a de decembro tiun ĉi jaron estos konsiderataj por la Premio 2010. Ĉiuj proponoj alvenontaj post tiu dato estos pritraktataj por postaj premioj. Do, temas pri konstanta publika alvoko kandidatiĝi kun la limdato de la 1-a de decembro ĉiujare, sed daŭre ripetata. La Premio estos normale atribuata okaze de Zamenhof-tago, la 15-an de decembro ĉiujare kaj transdonata dum la koncerna evento en la kroatia ĉefurbo Zagrebo. La Premio disponas pri la aktuala monsumo de mil eŭroj pojare (aŭ ĝia kunaa kontraŭvaloro) havigita fare de la iniciatinto kaj distribuata laŭ decidoj de la Komisiono nomumita fare de prezidenco de KEL kaj konsistanta el Neven Kovačić, Judita Rey-Hudeček kaj Spomenka Štimec.

Ĉiu rajtas kandidatigi kaj kandidatiĝi, do:
- ĉiu fizika persono
- ĉiu jura persono
- ĉiu neformala grupo de personoj

La motivigitajn proponojn aŭ sinproponojn bonvolu sendi perpoŝte al:

**"Esperanto" s.l.r.**
**je atento de Neven Kovačić**
**Trg kralja Tomislava 18**
**HR 10000 Zagreb**

kopie al:

**Kroata Esperanto-Ligo**
**Kneza Mislava 11**
**HR 10000 Zagreb**



esperanto
turisma agenco



**"ESPERANTO" s.l.r.**
(societo kun limigita responso)
**Trg kralja Tomislava 18, HR - 10000 ZAGREB**

Nun ni havas turisman agentejon + interretejon (15 kunaoj po hore) + tranoktejon (99 kunaoj nokte aŭ 99 eŭroj tutmonate )

esperanto - nova horizonto

tel: 01/ 4100 - 500/1/2 ** info@esperanto-turismo.hr ** pon -pet 8 - 17 h, sub 9 - 13h

Trg kralja Tomislava 18, 10000 Zagreb

**NAJNIŽE CIJENE**
**LJETOVANJA NA JADRANU**

* svim klijentima koji uplate neki od aranžmana kod nas poklanjamo besplatan ručak ili večeru (kompletan meni + 1 piće)

esperanto
turisma agenco
www.esperanto-turismo.hr

Ni parolas la Internacian Lingvon Esperanton
Govorimo hrvatski
Говоримо српски
Zastopamo slovenščino
Зборуваме македонски
Nous parlons français
Parliamo italiano
Hablamos castellano
Wir sprechen Deutsch
Hovorime po slovensky
Mluvíme česky
Говорим по русский
We speak English




www.eseperanto-turismo.hr




"ESPERANTO" turistička agencija d.o.o.

tel: +385 (0)1 4100 - 500/1/2
info@esperanto-turismo.hr

Trg kralja Tomislava 18,
Zagreb, Croatia

**... avio karte, aranžmani,praćenje, prevođenje, smještaj, ...**




**ESPERANTO - NOVA HORIZONTO**

La plej malaltaj prezoj por turismaj aranĝoj, loĝigo, gvidado, akompanado, interpretado kaj tradukado!
Kaj tute speciale: la plej malaltaj prezoj por somerumado ĉe la Adriatika marbordo.

**00 385 1 41 00500   00 385 99 444 050   www.esperanto-turismo.hr   info@esperanto-turismo.hr**

**MB:2568233 ; OIB: 87279763913 ; ID: HR-AB-01-080710189 ; ŽIRO RAČUN: RBA 2484008-1105345005 ; IBAN HR2324840081105345005**

**Al ĉiuj niaj klientoj ni ofertas senpagan interreton kaj totale senkostan kompletan tag- aŭ vespermanĝon (supo, ĉefplado, salato,deserto) kun trinkaĵo en zagreba restoracio.**

**LA FONDINTO, PROPRIETULO KAJ DIREKTORO: NEVEN KOVAČIĆ**

**www.kalendulo.info**